10ª Jaro 1913. Marto 1913.

★

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtanto.
(Joh., X, 16.)


# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO, OFICIALA ORGANO de I. K. U. E.


---

## LA LUDILOJ.

Mia knabeto, el kies okulo
  Elvagas pensemo,
Mia fileto, per kiu parolas
  Plenaĝa saĝeco,
Miajn ordonojn sepfoje hieraŭ
  — Ho ve! — malobeis...

Ah, ĵus formortis de mi la edzino,
  Patrin' pacienca;
Mi lin frappunis, kaj akre ordonis
  Sen kiso kuŝiĝi.

Poste, timante, ke lia doloro
  Forpelis la dormon,
Lian liteton mi baldaŭ vizitis,...
  Sed jam li ekdormis.
Larmoj briletis sur liaj vangetoj...
  Kortuŝe mi tiam
Kisis la filon, kaj larmoj ekbanis
  La idan vizaĝon.

Apud la lito la knabo dismetis
  La karan trezoron:
Ruĝaj ŝtonetoj, peceto da vitro,
  De mar' defrotita;
Kelkaj markonkoj, floretoj arbaraj,
  Du kupraj moneroj,
Ĉio en ord' aranĝita por iom
  Dolĉigi malĝojon . . .

Nokte, preĝante la Patron Ĉielan,
  Kun ploro mi diris:
Kiam, ho Patro, formortas la idoj,
  Kaj tiel, dormante,
Ne plu ofendas la Dian bonecon,
  Kaj kiam Vi vidas,
Ke jam pro nuraj ludiloj la Patron
  Forgesis la filoj,

Tiam kompate Vi diros, ho Patro:
  „Al ili mi donas,
Pro infaneco ilia, pardonon!"

„Ramo".

---

# La Fasto de Sinjorino Z . . .

---

(La Karnavalan Mardon, vespere.)

— Sinjoro Pastro, morgaŭ estos Cindromerkredo: mi venas por peti de vi liberigon de fastado dum la Granda Fasto.

— Nu, Sinjorino, ĉu vi ne provus dum kelkaj tagoj? Eble la fasto ne estus tro peniga por vi.

— Por mi? Ah, Sinjoro Pastro, vi ne konas min!

— Sed ŝajnas al mi, ke vi havas bonan sanon kaj malmulte da laboro . . .

— Bonan sanon? . . . Ho ne! Bonfarta mi aspektas, nenio pli. Pri la laboro, de l' mateno ĝis vespero mi estas

subpremegita per ĝi, kvankam oni tion ne rimarkas: antaŭ tagmanĝo, doni al la kuiristino ordonojn kaj observi ilian plenumiĝon. Posttagmeze, akompani la vartistinon dum ŝia promenado kun la infaneto. Poste, trarapidi, sola, la diversajn butikojn por miaj mendoj, ... fari la devigajn vizitojn ... Ĉiuvespere, mi revenas hejmen, ellacigita. . . .

— Nu, se vere vi ne povas fasti, mi liberigas vin de tio, sed mi donos al vi konsilon: Por ke poste vi ne suferu longe en la purgatorio, plenumu, dum la Granda Fasto, almenaŭ kelkajn agojn de abstemieco ne kontraŭajn al via bonfarto. Kial, ekzemple, vi ne leviĝus unu horon pli frue, en la mateno? Dum tiu horo vi meditadus pri la Pasio, vi preĝadus por la konverto de pekuloj, vi farus kelkajn piajn legadojn ...

— Tute ne oportune, Sinjoro Pastro. Mi absolute bezonas mian liton ĝis la oka, — alimaniere, dum la tago, mi suferas pri malkomfortaĵoj, kaplacecoj, sennerviĝoj ... mi fariĝas nekapabla plenumi miajn devojn.

— En tiu okazo ni serĉu ion alian. Se vi forigus la viandon de via vespermanĝo?

— Manĝi viandon, verdire, ne donas al mi specialan plezuron, sed por mi senvianda manĝo ne taŭgas. Vespere, mi bezonas mian kotleton.

— Ĉu vi trinkas kafon?

— Kompreneble, Sinjoro Pastro! kaj ofte du fojojn!

— Ha, fine, jen estas io, kies momenta forlaso neniel malutilos al vi, kaj...

— Forlasi mian kafon? Neniam, neniam, Sinjoro Pastro! Tio estus kvazaŭ mortkondamno por mi! Kafo estas same necesa al mi kiel aero por spiri!

— Tiam, Sinjorino, mi lasas al vi la zorgon trovi ian malgrandan senigon konforman al la penitenca spirito, kiu devas regi ĉiujn Kristanojn dum tiu ĉi sankta kvardektaga periodo.

— Trankviliĝu, Sinjoro Pastro, mi aldonos ion al miaj ordinaraj senigoj.

(Sinjorino Z... eliras. Eltirante sian poŝhorloĝon, ŝi rimarkas, ke restas al ŝi tempo por unu lasta vizito.)

— Bonan vesperon, Doktoro! Mi estas devigata veni ĉe vin por vin konsulti, ĉar oni ne plu vidas vin ĉe ni!

— Tiom da personoj estas pli malsanaj ol vi, sinjorino...

— Ha, vi kredas tion, Doktoro? Sed mi suferas de multaj malkomfortaĵoj...

— Kaŭzitaj de la printempo, sendube. Kiu ne suferas de tio? Iom da dieto ĉion baldaŭ forigos.

— Ho, miaj malkomfortaĵoj ne estas ordinaraj. Mi malbone digestas, mia kapo estas peza, mi havas stomakan obstrukcion.

— Jes, jes, via sango estas tro malfluida. Vi certe dormas kaj manĝas tro multe.

— Vi opinias? Tamen mi leviĝas je la oka, kaj antaŭ la dekdua mi trinkas nur unu grandan tason da kafo kaj lakto.

— Leviĝu je la sepa, kaj, dum ses aŭ ok semajnoj, trinku nur unu taseton, (ne unu grandan tason), da kafo kaj lakto.

— Tiel malmulte! Ho, Doktoro!... Spite mia nerveco?

— Sinjorino, mi scias: ĉiuj virinoj estas nervaj. Sed mi ripetas mian ordonon.

— Vi estas terura, Doktoro!

— Jes, se tiu epiteto difinas iun, kiu ĉiupreze volas konservi al vi vian sanon kaj malhelpi vin dikiĝi.

— Dikiĝi? Mi tuj obeos vin, Doktoro! Mi tiom deziras ne dikiĝi... Sed mi forgesis: iafoje, mi sentas doloron en la dekstra flanko. Ĉu eble la hepato malsaniĝus?

— Ne, Sinjorino, via hepato tute bone fartas. Sed atentu pri apendicito. Viandon manĝu nur unu fojon en la tago, kaj eĉ ne ĉiun tagon.

— Volonte mi tion faros.

— Kaj ne ŝarĝu tro vian stomakon ĉe la vespermanĝo. Preparu nur simplan manĝeton dum kelkaj semajnoj, — ni diros: ĝis la Pasko.

— Tre facile, Doktoro. Sed permesu ankoraŭ etan rimarkon: Ofte aperas sur mia vizaĝo kelkaj ruĝaj makuletoj...

— Ha, videble! Atentu! Vi riskas aknojn kaj haŭtinflamon!
— Jam!
— Certe! Feliĉe, tio ne estas malkvietiga. Nur por la beleco ĝi estas danĝera.
— Diru, Doktoro, kiel oni povas sin gardi de tiu terura haŭtinflamo?
— Forlasante ĉiujn ekscitigaĵojn: trinku nek alkoholon, nek vinon, nek teon, nek kafon.
— Nek kafon?
— Nek kafon. Eble vi trovos min severa?
— Ho Doktoro, vi ne konas min. Mi scias esti forta, kiam la devo tion postulas.

(Je Paskolundo, Sinjorino Z . . . tute ĝoje eniras ĉe sian amikinon.)

— Karulino, kiel oportune vi alvenas! Hodiaŭ ni iom malfruiĝis: vi ankoraŭ povos preni kafon kun ni.
— Dankon, dankon! Kafon mi ne trinkas plu.
— Vi?
— Mia kuracisto tion malpermesis. Ŝajnas, ke kafo estas tre ekscitiga, kaj, vi scias, mi jam estas tiel nerva . . .
— Tiam ni trinkos kune la posttagmezan teon.
— Ankaŭ pri teo mi senigas min, pro la sama motivo.
— Vi mirigas min . . .
— Kara amikino, kio estas necesa, estas necesa! Kion vi diros, se mi aldonas, ke, depost la karnavalo, dum unu el du tagoj, mi ne manĝas viandon, kaj mi leviĝas ĉiutage du horojn pli frue ol antaŭe?
— Vi do fastis dum la tuta kvardektaga Fasto?
— Mi ne fastis, ne: por tio mi ne havas sufiĉan forton. Sed mi akurate obeis la ordonojn de l' doktoro: matene, simpla taso da kafo kaj, vespere, senvianda manĝeto.
— Kaj tian dieton vi alprenis depost Cindromerkredo? Ĉiutage?
— Tute vere. Kaj mi ne fartas pli malbone.
— Tion mi konstatas. Sed senintence vi fastis pli ol mi, pli ol la Eklezio postulas.

— Vi parolas serioze?

— Evidente, ĉar vi fastis eĉ Dimanĉe. Kaj dum la granda Fasto oni ne fastas dimanĉe.

— Tiam, la fastado estas tiel facila?

(La pordo malfermiĝas; oni enkondukas la kuraciston).

— Kia feliĉa ŝanco! Mi trovas du klientinojn samtempe!

— Kaj unu el ili estas furioza! Ĉu vi scias, doktoro, ke vi abomene agis kontraŭ mi?

— Vi honorus min, sinjorino, se vi pli precizigus vian diron.

— Vi sendube akordiĝis kun Sinjoro Pastro por igi homojn fasti perforte?

— Ne mi estas kulpa, se la ordonoj de la Eklezio renkontiĝis kun tiuj de la higieno, kaj se la fasto estas deviga nur por personoj, kies korpa sano ne suferas de tiuj senigoj.

— Laŭ vi, tio estas do simpla koincido?

— Kiu povas fariĝi regulo por ĉiuj bonfartuloj. En la printempo, la sango, difektita de la tro ekscitiga vintra nutraĵo, bezonas duoblan plibonigilon: la dieton kaj la abstinencon, saĝe enpraktikigitajn. Nu, la leĝo de abstinenco kaj fasto, kiun starigis la Eklezio, mirinde realigas tiun programon. Ili utilas al la korpo tiel multe kiel al la animo. Pri la personoj, kiuj ne estas en normalaj kondiĉoj pro sia malforteco aŭ pro peniga laboro, — tiuj personoj estu certaj, ke la Eklezio larĝe liberigos ilin, ĉar ŝi estas la plej bona patrino.

— Konfesu, Doktoro, ke tiel parolas nur katolikaj kuracistoj.

— Mi nenion konfesas, ĉar, se la aliaj kuracistoj ne diras tion, almenaŭ ili tion pensas.

— Tute vere?

— Tiel vere, ke mia kunfrato, la kantona kuracisto, kies opinioj estas de vi konitaj (oni diras, ke ili estas pli ruĝaj, ol la rubandeto, kiun li avidas), — tiu kuracisto ĵus altrudis al la lernejaj manĝejoj ĉiusemajnan abstinencan tagon.

— Strange! Oni vendrede havas senviandan manĝon, en laikaj lernejoj?

— Pardonu, Sinjorino, tiu partio estas tre tolerema! Por la senvianda manĝo oni elektis la . . . mardon — kaj tio por la infanoj de popolo absolute katolika!

— Tio estas abomena!

— Mi konsentas pri tio. Sed, revenante al nia temo, mi nur aldonos, ke niaj praavoj, dank' al la ĝenerala enpraktikigo de la Granda Fasto, ignoris multajn malsanojn, kiuj nuntempa turmentas niajn samtempanojn. Antaŭ du aŭ tri jarcentoj, ekzemple, la specialistoj por apendicito ne estus gajnintaj ian monon.

— Tre rimarkinde, Doktoro. Mi kredas, ke vi estas prava. Neniam mi fartis pli bone ol hodiaŭ.

— Vi fartus eĉ pli bone, sinjorino, se, anstataŭ fasti laŭ kuracista ordono, vi estus fastinta por obei al la Eklezio.

— Eble! Ĉiuokaze, mi volas tion eksperimenti. Vi igis min fari, nekonscie, la Grandan Faston, sed mi faros la sekvantajn plenvole, kaj kun pli da profito.

(LE GUI, DREUX, Mars 1912.)

(Tradukis E. RAMO.)

# LA KATOLIKA INSTRUIST-UNUIĜO DE LA GERMANA IMPERIO.

La katolika instruistunuiĝo de germana imperio, fondita en la jaro 1889a en Boĥumo (Westfalenlando) per libera decido de la katolika instruistaro de Germanujo, celas, laŭ sia regularo, unue la plibonigon, perfektigon de la instruado laŭ la principoj de la katolika eklezio. Idealaj celoj estis, kiuj kondukis al ĝia fondo kaj donis al ĝi ĝian stampon.

La unuiĝo kaj ĝia estraro konservis neŝanĝite ĝis hodiaŭtage sian ĉefkarakteron kaj faros tion estonte. Ĝi decide batalas por konservado de la konfesia lernejo, por la laŭcela formiĝo de la religia instruado kaj por la pritraktado

de ĉiu instruado kaj edukado en vere kristana spirito, por la oportuna kunefikado de la lernejo kun la eklezio sur la kampo de la junular-edukado. Konsento de ĝiaj klopodoj kun la pedagogiaj principoj de la ekleziaj aŭtoritatuloj kaj kun la pensado kaj sentado de la katolika popolo gardas ĝiajn membrojn kontraŭ internaj konfliktoj kaj certigas al ili la nepran konfidon de la gepatroj de iliaj instruatoj. La katolika instruistunuiĝo faris la pristudadon de la kristanaj pedagogiaj sciencoj, kiel ili estas prezentitaj en la verkoj de la (pozitive) religiaj pedagogoj, sia speciala tasko. En la „Augustinusbibliotek" (pli ol 2200 volumoj) ĝi disponigas senpage siajn membrojn pri ŝatinda armilaro por la studado de pedagogiaj demandoj kaj en apartaj komisionoj ĝi fundamente prilaborigas gravajn specialajn fakojn. Per fiksitaj temoj estas pritraktataj laŭtempaj demandoj en ĉiuj branĉaj unuiĝoj. Nenian gravan demandon de la pedagogia vivo la unuiĝo senatente preteriris kaj ĝi povas rerigardi sur riĉan kaj sukcesplenan agadon. Por la pliperfektiĝo de siaj membroj ĝi estis kaj estas senripoze agema. La dekdu jarlibroj de la unuiĝo kaj la raportoj de la branĉaj kaj lokaj unuiĝoj pri tio elokvente atestas.

Ankaŭ por la ŝatateco kaj materiaj interesoj de la instruistaro ĉiutempe la unuiĝo klopodas. Ĝi kalkulas en 21 branĉaj unuiĝoj 21398 membrojn.

Evolucio de la unuiĝo:

| jaro | branĉaj unuiĝoj: | lokaj unuiĝoj: | membroj: |
|---|---|---|---|
| 1890-a | — | — | 649 |
| 1900-a | 13 | 267 | 9684 |
| 1910-a | 17 | 625 | 18662 |
| 1912-a | 21 | 670 | 21398 |

Ankoraŭ ne aliĝintaj katolikaj branĉaj instruistunuiĝoj en Germanujo estas 3 kun 2897 membroj; do estas organizitaj en Germanujo 24295 katolikaj instruistoj.

Honora prezidanto de la unuiĝo estas Sinjoro Rektoro BRUECK en Boĥumo. Prezidanto: S-ro Rektoro KAMP, same tie.

La samcelanta, simile laboranta unuiĝo de katolikaj germanaj instruistinoj kalkulas 14761 membrojn. Prezidantino estas fraŭlino seminario-instruistino P. HERBER, Boppard (ĉe la Rejno.)

---

# Katolika pedagogia tutmondligo.

Post pli longaj preparaĵoj kaj interrilatoj kun la katolikaj instruistoj, instruistinoj kaj edukadaj unuiĝoj de la enkaj eksterlando, la riprezentantoj de ĉi tiuj unuiĝoj estis invitataj, ĉeesti la XIV-an ĉefkunvenon de la instruistunuiĝo de la Germana imperio en Boĥumo (Pentekoston 1910), por konsiliĝi pri la fondo de tutmondligo katolika pedagogia. La ligo estis fondata, la prezidantecon prenis sur sin S-ro Rektoro BRUECK en Boĥumo, la oficejajn laborojn akceptis la „Kassianeum", sub la direktado de S-ro L. AUER jun. en Donauwörth (Bavarujo).

La principoj estas jenaj:

I. Neceseco de la religia junularedukado.

*a.* La kristana edukado estas la plej certa garantiaĵo por la konservo kaj prosperado de la ŝtatoj kaj por la bonfarto de l' popoloj; ĝi inspiras al la regato respekton je la estraro, al la reganto senton por rajto kaj justeco, al ambaŭ fervoron por la plibonigo de la komuna bonstato.

*b.* La kristana edukado plej bone garantias la bonfarton de la individuo; ĝi instruas al la lernanto fidelecon en la plenumo de liaj devoj je Dio, je la proksimulo kaj je si mem, firmecon en bataloj kaj suferoj de l' vivo kaj fondas per tio kontentecon sur la tero kaj eternan feliĉon en la ĉielo.

II. La katolikaj instruisto-, instruistino- kaj edukado-unuiĝoj kiel defendantoj kaj perfektigantoj de la kristana edukado.

Tiu ĉi tiom gravega edukado laŭ la principoj de la kristanismo trovas fervorajn defendantojn kaj propagandantojn en la katolikaj instruisto-, instruistino- kaj edukado-unuiĝoj. Ili klopodas veki kaj daŭrigi en la katolikaj geinstruistoj la veran fervoron por la kristana junularedukado, ili helpas ĉi tiujn havigi situacion kaj salajron konforman al la grav-

egeco de la ofico kaj penas fine certigi al la eklezio tian influon al la lernejo, kiun ĝi bezonas por la plenumo de la al ĝi donita Dia tasko.

III. La celo kaj tasko de la tutmondligo.

La instruisto-, instruistino- kaj edukado-unuiĝoj klopodas perfektigi la kristanan edukadon de la junularo laŭ la cirkonstancoj en la diversaj landoj diversmaniere. Sekve de tio kelkaj el ili faris plej multflankajn spertojn. La kono de tiuj ĉi estas plej grava por ĉiuj unuiĝoj, ĝin diskonigi al ĉiuj estas tasko de la tutmondligo.

Ĝi volas ebligi al la aliĝintaj unuiĝoj, ekkonatiĝi kun la klopodoj en favoro de la kristana edukado, kiel ili aperas diverslande, instrui sin reciproke pri la utilo aŭ malutilo de la diversaj edukaj sistemoj, por ke ili, ju pli spertoriĉaj, des pli sukcese povu labori. Samtempe ĝi volas vigligi la unuiĝojn por fervora agemeco, por ke ili, fortiĝante la unu per la ekzemplo de la alia, ne lamiĝu en la perfektigado de la kristana-, kaj en la batalo kontraŭ la malkristana lernejo.

IV. Rimedoj por atingo de tiu ĉi celo.

1-e. La aliĝintaj unuiĝoj subtenas sin reciproke okaze per la koncerna materialo kaj interŝanĝas siajn regularon, organojn (gazetojn) kaj jarlibrojn.

2-e. Iliaj delegitoj kunvenas en konvenaj tempspacoj jen en unu, jen en alia lando kaj interkonsiliĝas pri la celoj de la tutmondligo kaj pri la rimedoj por ĝia perfektigo, disvastiĝo kaj realigo. Diversflanke estis ankaŭ rekomendata kiel tre konvena rimedo, la organizo de katolikaj pedagogiaj kongresoj. La unua dum Septembro en Vieno. (Tie ĉi mi ne povas subpremi la rimarkon, ke Esperanto estus la plej taŭga rimedo por la interkomunikiĝo ĉe tiuj ĉi kongresoj.)

3-e. Ili starigas oficejon, kiu estas la perilo inter la unuiĝoj. Al tiu ĉi oficejo estas sendotaj la regularo, organoj, jarlibroj k.t.p. en tiom da ekzempleroj kiom estas unuiĝoj en la ligo, pliigitaj per unu, destinita por la aktoj de l' oficejo. Al tiu ĉi oficejo sin turnas ĉiuj unuiĝoj, dezirantaj materialon de aliaj unuiĝoj, kaj sciigas al ĝi la rezultatojn de siaj koncernaj laboroj.

**Adresaro**
de la prezidantoj de la unuiĝoj aliĝintaj al la tutmondligo.

1. Charles Mc KAY, Esquire, 47 Crow Road en Glasgow, Skotlando.
2. William MERRICK, 18 Elleray Road en Pendleton-Manchester, Anglujo.
3. Aux. Syndicats Professionels, 5 rue de l'Abbaye, Paris.
4. Abbé MOUCHARE, 17 rue St. Etienne, Orléans.
5. Redaktoro WEILLER, Fayencestr., Luxemburg.
6. Redaktoro P. DUBOIS, (Directeur d'Ecole) 78 rue de l'Amitié, La Louvière, Belgujo.
7. J. WESTERMANN, (ĉefinstruisto) Otterstraat 54 B bis, Utrecht.
8. J. P. CROMBACH, (ĉefinstruisto) Gülpen, Holl.-Limburg.
9. Praelat TREMP, Gommiswald, Kanton Aargau, Svislando.
10. Kantonatsrat FREY, „Zum Storchen", Einsiedeln, Svislando.
11. Lehrerin (instruistino) KAISER, Auw, Kanton Aargau.
12. Seminar-Lehrerin a. D. HERBER, Boppard, Germanujo.
13. Oesterreichischer Lehrerbund, Bundesausschuss. Wien I. Annagasse 6.
14. Kath. Lehrerverband des Deutschen Reiches, Rektor KAMP, Bochum.
15. Cassianeum (L. AUER jun.) Donauwörth, Bavarujo.
16. Gg. KÖRBIS (Kath. Lehrerverein) en Brochier (Montenegro), Rio Grande do Sul, Brazillando.
17. Ramon Ruiz Amado S. J., Barcelona, Hispanujo. Kolegio de San Ignacio (Sarria).

Prezidanto de la Tutmondligo katolika pedagogia estas:
Sinjoro Rektoro Brueck,
Bochum, Germanujo.

S-ro TAŜBENDER.
Jägerburg, Germanujo.

# UNU ŜAFEJO KAJ UNU PAŜTANTO.

Kun kiom da Pastra, plenama zorgo la Ĉefpastro de l' Kristanaro vigle zorgadas pri ĉiuj Siaj infanoj, eĉ pri tiuj disiĝintaj en malproksimaj regionoj, la lastan tempon plej klare vidiĝas el la Motu Proprio, kiun Li skribis kaj el la leteroj aperintaj en la A. Ap. S. Super ĉio Li kortuŝigas pri la sorto de l' mizeraj, en Kristo koramataj gefratoj, kiuj ho ve! multnombre perdiĝas malproksime de la vera eklezio, la nura feliĉiganta.

Nia Papa Moŝto insiste petas kunhelpon por bonigi tiun netolereblan situacion. Per letero al la Episkopoj de l' Ameriko latina, t. e. de Brazilio ktp., Li esprimas la urĝan deziron plibonigi la sorton de l' malfeliĉaj Indianoj, kiuj ankoraŭ nuntempe kiel sklavoj nehumane estas vendataj kaj devas plej ofte servi por neesprimeblaj krimoj.

Dua letero traktas pri elmigrado de katolikoj al fremdaj landoj. Ĉar ĝia enhavo estas tre interesa por I.K.U.E. mi klopodis esperantigi plej signifan parton de tiu-ĉi Papa skribaĵo.

## A. Ap. S. **Motu Proprio.** 15 Aug. 1912.

### Pri elmigrado de katolikoj al fremdaj landoj.

„Kiel ajn patrinzorge la Eklezio ĉirkaŭadas ĉiujn katoli-„kojn, Ĝi tamen kun amega, iom speciala zorgo postsek-„vas tiujn kiuj, por serĉi per laboro nutraĵon, aŭ por havigi „al si pli bonan fortunon, forlasas patrujon kaj migras al „malproksima lando, kie plej ofte estas timinde ke, zorg-„ante por la tera aŭ materia vivado ili plendinde forĵetos „la interesojn eternajn. Sendube, multaj faktoj — de Nia „glora antaŭulo same kiel de Ni — atestas kun kiom da „sindonema fervoro, la Seĝo Apostola varmege favoras la

„unuiĝojn starigitajn por la materia intereso kaj la bon-
„farto de l' elmigrantoj, kaj precipe kun kiom da diligen-
„teco Ĝi persvadas la Episkopojn, por ke ili eĉ iomete
„ne manku rilate al sia pastra laboro en tiel grava afero.
„Ĉar ja pro necesaj komercoj de l' popoloj kaj pro pli
„facilaj interrilatoj kaj tre multaj aliaj kaŭzoj, ĉiutage la
„nombro da elmigrantoj ege kreskadas, Ni scias ke estas
„Nia devo eltrovi ian taŭgan antaŭzorgilon per kiu Ni povu
„kunhelpon havigi al la materiaj bezonoj de ĉiuj tiuj-ĉi
„filoj.
„Vere treege Nin kompatigas grandegaj danĝeroj en kiuj
„religio kaj moroj ekvenas de tiom da homoj, kiuj-plejfoje
„nekonantaj regionon kaj lingvon kaj senigitaj je la kun-
„helpo de siaj pastroj, nek povas al si havigi de l' religia
„vivo la helpon, nek ĉi tiun, laŭ bezono atendi de l'
„Episkopoj lokaj aŭ de la unuiĝoj por tio starigitaj....."

Por laboradi en tiun direkton, t. e. por serĉi kaj havigi ĉion, necesa por la savo de tiom da animoj, Nia Papa Moŝto starigis novan sekcion en la Kongregacio *„consistoriali"* sub titolo:

de spirituali emigrantium cura, (je prizorgo religia de elmigrantoj) kaj je la fino de Sia Motu Proprio, Li faris insistan alvokon al ĉiuj katolikoj, por ke ili kiel eble plej kunhelpu tiun por la savo de fratoj instituton, promesante grandegan rekompencon akirotan ĉe la Dia, Plej-alta Paŝtanto en Ĉielo.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Samideanoj, precipe vi, Pastroj, bonvolu ĉiuj plenumi la deziron de nia griza Ĉefpaŝtanto tiel kortuŝita per la sorto de Siaj mizeraj ŝafetoj perdiĝontaj. (La lastan jaron ja aperis en la A. Ap. S. diversaj, de Lia mano skribitaj, leteroj aludintaj saman temon: la reunuiĝo de la kristanoj, la paco inter ili, la prizorgo religia de elmigrantoj, k.t.p.).

Certe I. K. U. E. laboradis laŭ la Papa deziro.

Jam dum *Nia Unua* (ĉe Parizo) deziresprimoj estis: reunuiĝo de la kristanaro, utiligi Esp. por sociala katolika agado (defendi la eklezion), sama elparolado de l' lingvo latina

k.t.p. Dum Nia Dua (ĉe Hago) denove: *videbla unueco de la Kristana eklezio, tutmonda Apologia asocio, utiligi Esp. por la elmigrantoj k. t. p.*:

**Estu starigata senprokraste adresaro de katolikoj,** pretaj helpi fremdlandanojn, laboristojn k. t. p.

Plifoje E. K., N. K., k. t. p. faris gravegan alvokon: *Ni eklaboru, kunlaboradu* por plej perfekta efektiviĝo de ilo **(adresaro tutmonda...)** tiel grava, eĉ necesa por nia Kredo.

*Nia Tria* jam preterpasis deziresprimințe denove proponojn gravegajn, kaj Nia Kvara en la ĉefurbo de l' Kristanaro en la plej proksima apudeco de nia plej bona Patro surtera, nin ĉiujn invitas kaj ege allogas.

Samideanoj, ne plu prokrastu, sendu viajn nomojn al S-ro Knaapen, Tilburg (Nederlando) por ke la sekvontan jaron ni povu videble montri al Lia Sankta Moŝto kiom utila, taŭga kaj efika nia afero estas por Papo, Eklezio kaj Kredo.

Tiam kaj tiel ni silentigos por ĉiam niajn kritikulojn, ĉar ni estos protektitaj kaj benitaj de la Riprezentanto de Kristo-Dio, de nia neforgesebla Ĉefpaŝtanto: Pio X.

Pastro F. SEFERYNS,
S-ta Agato. O. S. Cr.

# Nia Sinjorino de Espero.

Ĉiujare, je Triunua dimanĉo, de la pli frua horo matene, antikva preĝejo de Mézières (ardenaj landoj-Francujo) pleniĝas per pia popolamaso. Popolamaso da pilgrimantoj alkurintaj el ĉie por petegi, laŭdi, danki Marion, Dipatrinon, honoratan tie per la belega nomo de „Nia Sinjorino de Espero".

Efektive, kia pli bela nomo ol tiu-ĉi: „Nia Sinjorino de Espero"!" Ŝi estas vere espero de tiu granda nombro da pilgrimantoj, kiu nun amasiĝas ĉirkaŭ ŝia statuo, brilega per lumo de la multaj kandeloj, kaj kiu, antaŭ kelkaj mo-

mentoj, post la kantata meso, formos ŝian triumfan sekvantaron tra la stratoj de „Saint Julien". *)

Komenco de kulto al „Nia Sinjorino de Espero" antaŭ longe komenciĝis, kaj historiskribanto ne povas doni precizan daton, kaj nur, li malkovras, kiel fundamenton de tiu kulto, popolan tradicion, kiun, dum la vespera kunveno, apud la fajrejo, avinoj rakontas al siaj ĝentilaj infanoj. Plie, oni ne scias.

***

Se vi volas, karaj Legantoj, ni migrus fantazie, vintrovespere, en unu el tiuj bonaj farmdomoj, kiel estas ankoraŭ en ardenaj landoj, dum malvarma ventpuŝego blovas sur la kamparo kaj neĝo kovras teron per sia blanka surtuto. En la komuna ĉambro, tuta domloĝantaro frostsenteme estas grupiĝanta ĉirkaŭ la brulruĝa fajro. Avino, je krispa vizaĝo per laboro kaj ĉagrenoj, ridetas al kerubo, kiu al ŝi per pepado ĵus diris sian deziron aŭdi rakonti la historieton de „Nia Sinjorino de Espero". Konduki lin al al baldaŭa triumffesto, vidi Ŝin, oni jam multofte promesis.

Ni kaŝu nin en tiun angulon, kien lampa lumo ne alvenas, por ke nia ĉeesto ne interrompu tiun familian ripozon. Ni haltigu nian spiradon por aŭdi rakonton de l' aminda maljunulino.

„Jam antaŭ longe", ŝi ekdiras per sia laca voĉo, „laboristoj estis okupitaj ĉe ŝtonminejo apud „Saint-Julien" por eltiri ŝtonojn. Ili profunde fosis, kiam unu el tiuj-ĉi malkovris unu belegan statuon de la Sankta Virgulino, el fortika ŝtono. Ŝia vizaĝo nigra estis, ŝi tenis, sur sia maldekstra brako, la sanktinfanon Jezuon, kiu estis rozkolora.

Ŝtonhakistoj estas multe miriĝintaj pro tiu eltrovaĵo. Post esploro, ili lotis inter si, kiu transportos statuon al preĝejo. Pastro statuon akceptis, kvankam li ne komprenis kiel tiu-ĉi estis trovita en la ŝtonminejo. Li portigis ĝin en la sakristion.

„La sekvantan tagon, statuo ne plu estis en la sakristio,

---

*) Antaŭurbo de Mézières.

kvankam pordoj de tiu ĉambro ne estas malfermitaj, nek disrompitaj. En la ŝtonminejo, statuo estas retrovita de laboristoj alvenantaj por labori. Neniu celis penetri tiun misteron, kaj denove oni transportis statuon al preĝejo.

„La Bonkora Virgulino de Espero, mia karega infano, „ne volis esti kondukita al preĝejo kiel komuna objekto. Ankoraŭ unu fojon, ŝi returnen iris al ŝtonminejo.

„Pastro, inspirita de Dio, komprenis kion Virgulino volis. La proksima dimanĉo estis Triunuofesto. Tiun tagon, ĉirkaŭata de sia pastraro kaj akompanata de multnombro da siaj parohanoj, pastro procesie iris serĉi statuon miraklan en la ŝtonminejo de „Saint-Julien". Oni metis la „Nian Sinjorinon" super altaro ornimita per floroj. Depost tio Ŝi estas tie, kie Ŝin ci vidos, infano, se ĝis la Triunua dimanĉo ci saĝulo estos!"

Tio, kion bonanima maljunulino ĵus rakontis al sia nepo estas la tuta historio de pieco al „Nia Sinjorino de Espero". Ardena loĝantaro petegas de longe la Bonkoran Virgulinon, honoratan en la nuna preĝejo de Mézières.

***

Mézières staras en la ardenaj landoj (Ardennes) de Francujo. Tie komencas la admirinda valo de la riverego „Meuse". Urbo de 11.000 loĝantoj. Ĝi estas loko, kie prefektejo kaj ĉiuj departementaj institucioj staras. Antaŭ 1870, ĝi estis fortikigita urbo. Komerco ne estas gravega en ĝi, estas prefere en Charlevillo, (22.000 loĝantoj), kiu staras apude.

La preĝejo estas komencita en la 1499-a jaro. Ĉefaj laboroj estas finitaj en 1566, la pordego en 1586 kaj la sonorilejo en 1626; la nuna pinto datumas nur de la duono de lasta jarcento.

Tiu rimarkinda monumento de gota brilega stilo estis ĉeestanto de la plej gravegaj okazintaĵoj de la urbo; en 1521 sieĝo de Imperialistoj, repuŝita de Bayard; en 1570 edziĝo de Karlo IX kun Elisabeto de Aŭstrujo; en 1815 kaj 1870 prusaj obusoj multe difektis konstruaĵon.

Nia Sinjorino de Espero, ĉiam alpreĝata en Mézières, estis vera protekto por la preĝejo. Kuglego de 1815 pendante

al volbo, antaŭ ŝia altaro, estas kiel videbla signo de ŝia grandega protekto.

***

Ni ankaŭ, katolikoj esperantistaj, ni preĝas Vin, ho Virgulino, nia Sinjorino de Espero. Protektu nin, viajn infanojn, kaj faru, ke ĉiuj popoloj de la tuta mondo, per unu sola voĉo kaj per unu sola lingvo, laŭdu Vin.

Max ROUB.

---

# LA ARĜENTA VIRGULINO.

Estis rava statueto de Mario, ĉefverko de juvelarto, ĉizita de iu Benvenuto nekonata: per nova gesto, en sintenado tutplena de nobleco kaj majesteco, la Virgulino portis la dian Infanon; ŝia vizaĝo, je trajtoj superhomaj, montris serenan dolĉecon. En tio, kio nur estis fondaĵo, la plej certa talento kunligante sin al religia inspiro, ekkaptis, plenumis tiun senfinon: la belecon absolutan kaj l'eternan majestecon.

Sed permesate estas demandi al si, kiel tiu pia juvelo, kiun reĝa preĝejeto apenaŭ estis inda posedi, estis la posedataĵo de HERMANO, la maljuna scienculo, kiu konfesis la plej plenan ateismon.

Ho! ne estis pro religio, ke li konservis tielan imagon de l' Patrino de Dio, sed pro amo de kolektanto. Li ŝatis antikvaĵojn, bronzaĵojn, pentraĵojn, medalojn, potartojn; lia vivo pasis en serĉo de unu nekomuna aĵo. Ĉeesti vendadojn estis lia pasio; kutiminto de la „Hotelo Drouot" [1]) konata de ĉiuj brokantistoj de Parizo, dotita de neordinara sagaco, kiu neniam trovis lin nesagaca antaŭ ĉefverkaĉo, fame konata en apartaj medioj por esti paginta 100.000 frankojn por unu supujo en antikva Rouan'a stilo, HERMANO nur konis solan feliĉon: ĝui siajn juvelojn vespere, tute sola, kiam la domloĝantaro dormas. Vitromebloj multe lumigataj tiam liveris al lia ĵaluza okulo riĉaĵojn de ĝia enhavo; li ĝuis, karesis, palpis ilin kun multege delikataj

---

[1]) Fama vendejo de antikvaĵoj en Parizo.

atentoj de avarulo aŭ amanto kaj li trovis, en tiu admiro, paradizan plezuron.

Tiel la Virgulino arĝenta, nova aĉetaĵo prave konsiderata kiel trovaĵo, apudiĝis sur etaĝa meblo kun malgranda „Victoire de Samothrace" el marmoro kaj . . . . flartabakujo laŭ stilo Ludoviko XVI, tute kovrita per rozoj kaj rubandoj pentritaj.

La beleco kreas egalecon inter artobjektoj, diris nia kolektanto, pripensante al tiu mirinda mikso de religiulo kaj eksterulo.

***

HERMANO havis unu nevinon, kiu, tiun-ĉi jaron, preparis sian unuan komuniiĝon. Sola el la tuta familio, la infanino ricevis favoran akcepton de la sovaĝa kaj maljuna maniulo. Komplezema kaj gracia ŝi sukcesis apud sia onklo por ĉio, kion ŝi volis, dum la libertempo ŝi metis renverse la domon tamen li ne plendis pri tio; ŝi instruiĝis pri mirindaĵoj de kolektoj kaj sin amuzis kun unu „Tanagra". Lucio estis la dua pasio de la scienculo needziĝinta. Nur ofte ŝi parolis pri la Bona Dio, Mario kaj anĝeloj, laŭte deklamis sian katekismon kaj komentariis ĝin, je la granda malpacienco de la bonulo, al kiu aparte tio malplaĉis. Iam, ŝi rimarkis tion kaj naive riskis:

— Diru, onklo mia, kial ci havas unu tiel belan Sanktan Virgulinon, se ci ne amas ŝin? Kaj kial ci metas ŝin tie, malantaŭe tiu vitraĵo, apud tiu sinjorino sen kapo, anstataŭ meti ŝin en cia ĉambro por ĉiuvespere preĝi Ŝin?

Hermano ekpenis por ridi.

— Estas nur infanoj kiuj preĝas, li diris; kiam ci estos maljuna, ci mem malmemoros fari tion.

— Ho! tio ne estos, onklo mia, panjo bone diras, ke oni devas preĝi ĉiutage, dum sia tuta vivo . . . . ĉu ci ne diras cian „Patro Nia" kaj cian „Saluton Mario"?

— Tute ne!

— Neniam?

— Neniam.

La knabineto maledifita silentis, rigardis sian onklon kun mirigataj okuloj kaj subite eksploregis:

— Tiel, ci estos kondamnita al infero! . . . . Jes, ci estos kondamnita al infero. Sinjoro Paroĥestro tion certigas al ni: estas necese, ke oni estu ĉiam fidela al la bona Dio de sia unua komuniiĝo, por ke li memoros pri vi kaj akceptos vin en sia paradizo . . . . sed eble ci ne faris cian unuan komuniiĝon, ĉu ne?

Hermano sin sentis embarasita pro la insisteco kaj ploroj de sia nevino; li levis siajn ŝultrojn:

— Silentu, infanino, silentu, tiuj-ĉi konversacioj ne estas por knabinetoj.

— Sed, mi volas paroli . . . . ; ci volas iri en infero, ĉu tute ne? tio kaŭzus al ci tro multe da doloroj kaj al mi multajn ĉagrenojn . . . . Tiel, ci ne havis do unu patrinon por instrui cin por manplekti tiamaniere por preĝi la bonan Dion?

Pro tio la kolektanto sin sentis kortuŝata per la akcentoj de tiu viveca voĉo; per tiu elvoko li memoris pri konsiloj de sia patrino kaj pri ĝojoj de sia unua infaneco. . . . . Por kaŝi sian emocion, li ekkriis preskaŭ kolereme:

— Sed, ĉu ci havas la rolon konverti min? . . . Nokto estas; iru dormi, infaneto kaj ne parolu plu al mi pri tiuj naivegaĵoj.

— Mi bone volas foriri, onklo mia, sed tiun belan statuon de la Sankta Virgulino, lasu min forporti hodiaŭ vespere, ĉar ci neniam parolas al Ŝi; tio ne ĝenos cin, kaj mi multe ŝatas havi ĝin, ĉar estas la monato de Mario!

Por atingi trankvilon, Hermano malfermis vitromeblon, prenis la arĝentan statuon, kaj krude metante ĝin en la brakojn de la knabineto:

— Iru, iru, li diris, kaj dormu tutnokte ĝis morgaŭ.

*
* *

Post unu horo, la kapon inter siaj manoj, la scienculo pripensis ankoraŭ; multnombraj memoroj estis elstariĝintaj, vekitaj per la infanaj paroloj; la dolĉa pasinteco, kiun li kredis mortinta, reviviĝis per tiu memoro, kiu estas la juneco de la maljunuloj.

Subite li murmuris:

— Mi plorigis ŝin, la plendinda infanino . . . . se nur

ŝi ne estus malsana . . . . servistoj malmulte zorĝis . . . se mi irus vidi?

Tuj li prenis kandelabron, eklumigis ĝin, kaj sin direktis al ĉambro de l' infanino, kies pordon li malfermis kaj tutkortuŝata li haltis sur la sojlo.

La radia statuo, metita sur la tablo kovrita per blanka telertuko kaj ornamita per floroj, brilegas per la lumo de multaj kandeloj; Lucio, vestita nur de sia ĉemizo, genuiĝinte antaŭ tiu speca altaro, lasis refali sian kapon sur sia apogita brako; oni komprenis, ke la dormo surprizis ŝin meze de ŝia preĝo; la vidaĵo estis ĉarma.

La maljunulo eniris, patre prenis sian nevinon inter siaj brakoj kaj metis ŝin en ŝian kuŝejon; tiam la infano, preskaŭ vekita, memorante pri la preĝo nefinita, murmuris, preskaŭ nekonscia, antaŭ ol refali en plej kompleta forgeso:

— Bona Sankta Virgulino, mi petegas al vi konverton de mia onklo Hermano, kiun mi multe amas, mi petas tion al vi, en la nomo de 'l Spirito Sankta . . . .

Ŝia kapo ŝanceliĝis; ŝi dormis.

La scienculo kviete reigis la garantiaĵon kaj mallaŭte li respondis:

— Amen.

Kaj tiel multpovaj estas sur la koro de l' maljunulo kaj sur la koro de Mario la paroloj de infano, ke siavice li genufleksis antaŭ la ĉiama kaj potenca Virgulino kaj ekpreĝis . . . .

L. D'OBERNY.
trad. Max ROUB.

# Kroniko de I. K. U. E.

## AŬSTRIO.

### Sciigoj pri la A. K. L. E.

La unuaj 6 monatoj de ekzistado de nia Ligo pasis laborriĉaj kaj ĝoje ni povas ĉirkaŭrigardi.

La raporto pri la fondiĝo aperinte en kelkaj tagĵurnaloj

venigis al ni multnombrajn demandleterojn, eĉ kelkaj tuj sendis la fiksitan kotizaĵon de 1.20 Kr. Dankojn al ĉiuj por la gratulesprimoj por nia grava sed ankaŭ iom malfacila afero. Kiel ĉiam kaj ĉie estis la komenco ofte malhelpita kaj malfacila.

Ekzemple nia kara Kasisto S-ro WESELY forestis el Wien, ĉar li estis malsana. Nia senlaca Sekretario S-ro HÖRL estis ĉiam okapita per kursoj kaj paroladoj, ke en estonteco ne estas eble al li permesi tiom da laboro, kiun li ĝoje prenis sur siaj ŝultroj. Same nia Vicprezidanto Benedikt ULM estis ĉiam laborema en la propagando inter la samreligianoj. Li vojaĝis al St. Pölten por viziti la Liganojn en la Alumato de la tieaj teologiistoj, kie li propagandparolis. Ĉar lia ĉefa celo konsistas en disvastigado de nia kara lingvo inter la anoj de la *Kathol. Gesellen-Verein* (elparola: *ferajn*) li eĉ trovis sufiĉe da tempo por paroli en Gesellen-Verein St. Pölten, kie li ankaŭ sukcesis, ĉar la membroj jam estis atentigitaj per la lecionoj, kiujn en „Sonntagsglocke" (t. e. semajna katolika gazeto „dimanĉa sonorilo") aperigis S-ro HÖRL kun konata sukceso. Nia kara prezidanto S-ro Joh. SCHROEDER, tiu-ĉi fame konata pioniro, komencis la propagandon en la bela granda Salono de „Kathol. Gesellen Verein" per flua kaj entuziasma vere katolika parolado, post kiu li mem gvidis kurson, kvankam li, estanta ĵurnalisto, ne havas multe da tempo. Lia kurso sukcesis, kiel ankaŭ lia intenco, provi kunvenon de Wien'aj Liganoj, bone prosperis. La sendevigaj kunvenoj okazas ĉiam la duan kaj la lastan sabaton de ĉiu monato je la 8-a vespere en la agrabla Hotelo Holzwarth (elparolu „holcvart") Wien XV Mariahilferstrato 156. Gastoj ĝojege estas akceptataj, eĉ dezirataj.

Samtempe la estraranoj de la Ligo kunsidis ĉiumonate, tial ne estis ĉiam eble tuj respondi la korespondaĵojn alvenintajn el 11 kronlandoj de nia vasta regno Aŭstrio. La interesplenaj leteroj de niaj liganoj kuraĝigas la estraranojn por la laboro, kiun ili ja nur povas prizorgi dum iliaj liberhoroj, tial ni deziras la kunlaboradon de niaj karaj aŭstrianoj kaj eĉ ni insiste petas ilin eble plej

baldaŭ ensendi iliajn opiniojn, proponojn kaj dezirojn.

Precipe ni volas atentigi niajn karajn samreligianojn pri la ĉeesto de nia III-a tutaŭstria Esperanto-Kongreso en Graz, (elp. Grac.) kiu okazos dum la Pentekosto de la 10-a ĝis la 13-a de Majo 1913.

Nun karaj gefratoj de diverslingvaj kronlandoj de nia benita regno Aŭstrio, permesu al mi persone kelkajn vortojn. En la lasta kunsido oni decidis, ke mi akceptu la tutan korespondadon kaj mi nur petas vin, se vi deziras baldaŭan respondon, direktu la p.k. kaj leterojn al mia adreso: Benedikt Th. ULM, Wien 16/2 Kirchstetterngasse 16.

La monsendoj estas pli agrablaj per la ĉeko, ĉar ni estas jam tiel feliĉaj posedi ĉekkonton ĉe la poŝta ŝparejo per la oferemeco de ia ligano. Plue feliĉege mi diras al vi, ke sin interesas por nia Ligo la unuiĝo de unuiĝoj t. e. „Unio Catholica Aŭstriae".

Por venki, en tia rilato estas necesege partopreni en Graz kaj prepari propran katolikan kunsidon. El ĉiuj lingvoj ankaŭ kiel kronlandoj estas dezirinda almenaŭ unu reprezentanto. Ni povas tiamaniere montri, ke ni katolikoj estas unu ankaŭ kiel Aŭstrianoj, ne nur per la kredo kaj estro, sed ankaŭ per la lingvo. Tial mi alvokas vin ĉiujn: Venu al Graz, por ke ni kunfratiĝu kiel ni faris en pasinta jaro en Budapest. — Same ni povas pripensi la 4-an Kongreson de tutmondaj katolikoj en Romo komence de Septembro. Ni Aŭstrianoj ne povas pli bone montri nian fidelecon al la sankta seĝo ol per la multnombra partopreno dum nia 4-a internacia katolika kongreso. Granda laboro estas antaŭ niaj okuloj kaj ni nur venkos, se ni laboras kune.

Vi nun konas la programon de nia ligo kaj mi ankoraŭ foje vigligas vin ĉiujn por la kunlaborado, ĉar mia programo estas vere katolika je diversaj vidpunktoj.

Tial karaj Gereligianoj estu fidelaj al la Zamenhofa lingvo, kontraŭ ĉiuj personoj, kiuj volas ludi la rolon de pliboniigantoj t.e. reformistoj. Vivu nia kara helplingvo Esperanto kaj kresku nia I. K. U. E. kaj floru nia A. K. L. E.

Germana frato.

**Aŭstria katolika Ligo Esperantista.**

Nia ligo okazis dimanĉon la 19-an de januaro Esperantan propagandan kunvenon en Wien XXI Floridsdorf unuiĝdomo. La salo estis tute plena de interesiĝantoj. Nia sekretario, instruisto HÖRL, parolis pri la temo: Esperanto kaj la katolikoj. Unue li priparolis la Esperantismon ĝenerale, due pri la valoro de Esperanto por nia katolika afero kaj eklezio, kaj la devo de la katolikoj por tio kunlabori. Kasisto WESELY aldonis kelkajn vortojn kaj postulis por la kunlaboro disvastigi Esperanton. La kunveno pasis tre bele. Poste aliĝis kelkaj partoprenantoj por la kurso, kiu nun okazos en unuiĝdomo Floridsdorf.

Karlo WESELY.

---

# Katolika Vivo Ĉiulanda.

---

**Aŭstrio.**

Wien kaj Aŭstrio perdis eminentulon. La 4-an de februaro mortis Kardinalo D-ro Franciscus NAGL, ĉefepiskopo de Wien. Kvankam nur mallongan tempon li estis ĉefepiskopo de Wien, tamen li varbis la amon kaj simpation de la popolo. Li estis tre laborema kaj agadema. La belege pasinta Eŭkaristia kongreso ankaŭ estis partege lia verko. Kun malĝojo staris la Vienanoj ĉe la mortlito de la Kardinalo. Li tre saĝege regis sian eparkion, laboradis en la organizacio kaj por la katolika presaro. Li zorgis por la eklezia ordo kaj tre bone administradis sian ĉefeparkion. Li tre amis siajn eparkianojn kaj estis tre prizorga por amo kaj unueco inter ili. Sub lia patroneco sukcesis la unuiĝo de la katolika junularo, kiu jam 3½ jarojn estas dividita en du organizacioj. Bedaŭrinde politikanoj detruis dum lia malsano denove la unuecon.

Kardinalo NAGL naskiĝis la 26-an de novembro 1855 en Wien, studadis en Krems kaj St. Polten, malsupra Aŭstrio. La 14-an de julio 1878 li estis sanktigita kiel pastro en

St. Polten, tiam li venis Vienon, kie li estis Doktoro de Teologio. Lia episkopo sendis lin 1882—1883 Romon, kie li laboris en „Anima" kiel profesoro. Pli malfrue li estis kastelvikario de Wien. 1889 li revenis Romon al la instituto „Sankta Maria dell' Anima" kiel Rektoro. 1902 li estas episkopo de Triesto. Kiam Kardinalo GRUSCHA de Wien jam estis maljuna mallaboreble, episkopo NAGL estis koadjutoro de Wien la 19-an de januaro 1910. Kardinalo GRUSCHA mortis la 5-an de aŭgusto 1911; poste D-ro NAGL estis entronizita kiel princĉefepiskopo de Wien. La 2-an de decembro 1911 li estis Kardinalo.

Ĉe la enterigiro estis multe da partoprenantoj, pastroj, monaĥinoj, unuiĝoj kun multaj standardoj, nomriĉa popolo, nobeloj, registraranoj, ankaŭ kelkaj anoj de la imperia familio.

La papa moŝto sendis sekvantan kondolencan skribaĵon per la Kardinalo MERRY DEL VAL, Romo:

Gravi equidem animi dolore Beatissimus Pater nuntium accepit mortis Eminentissimi Cardinalis Nagl luctumque communicans universae arcihidioeces ac praesertim cleri ac capituli cathedralis Viennensis archiepiscopum desideratissimum piis prosequitur precibus filiisque ob patris obitum maerentibus et condolet ex animo et amantissime benedicit.

Cardinalis Merry del Val.

„La papa moŝto sciiĝis kun grandega malĝójo la rapor-
„ton de la morto de lia eminenco Kardinalo NAGL. Li
„portos la funebron kun ĉiuj pastroj kaj katedralĉapilo kaj
„la tutan ĉefeparkion de Wien. Li sendas varmegajn pre-
„ĝojn al Dio por la dolore trovita ĉefepiskopo kaj ankaŭ
„sendas kun korega partopreno la apostolan benon al la
„filoj, kiuj funebras por ilia patro".

Kardinalo MERRY del Val, nia ŝatata Kardinalo nur malgrandan tempon estis ĉefepiskopo de Wien, sed tamen oni povas diri pri li: Frue finiĝante li tamen atingis multe da jaroj. En grava funebro la orfigita ĉefeparkio Wien

nun estas pro ĝia ĉefpaŝtisto. Li restos nin neforgeseble. Dio donu al li donacon, kiun Li preparis al siaj fideluloj.

Karlo WESELY.

---

## La „Naŭa" Esperantista. La 9-a Esperantista Internacia Kongreso.

---

Niaj legantoj sendube scias, ke la konstanta komitato de de la kongresoj decidis ŝanĝi la lokon de la Naŭa Kongreso. Pro tre gravaj cirkonstancoj, oni tre saĝe decidis akcepti la afablan inviton de la Svisa Esperanto Societo, kaj kunvenigi la tutmondan Esperantistaron al la ĉefurbo de la Svisa Konfederacio, de la 24-a ĝis la 31-a de Aŭgusto. Kvankam ni bedaŭras, ke la kongreso ne povas kunveni en Genovo, ni tamen plezure rekonas, ke la elekto de Bern estas bonega. Efektive Bern ŝajnas unuigi ĉiujn ecojn por esti la kunvenejo de Internacia Kongreso. Ĝi estas la ĉefurbo de unu el la plej belaj kaj la plej vizitindaj landoj de Eŭropo. Ĝi estas, ne nur tre bela, antikva, interesplena civito, sed ankaŭ la centro, el kiu oni povas fari, facile kaj malkare, la plej admirindajn ekskursojn en Svisujo. Bern ankaŭ havas la kutimon akcepti inter siaj muroj ĉiujn specojn de kongresoj. Oni povas tre prave ĝin nomi la kongresurbon „par excellence". Niaj gesamideanoj povas do trovi en Bern bonajn loĝejojn je tre moderaj prezoj, kaj gasteman akcepton ĉe la progresema Urbestraro, kiu tre simpatias al nia homema Movado. Plue, ni havas la bonŝancon trovi en Bern bonegan organizan komitaton, kies prezidanto estas la bonkonata kaj universale estimata S-ro SCHMIDT, la prezidanto de la Svisa Esperantista Societo. Tiu agemo propagandisto sin montris samtempe esti lerta administranto, kaj ni povas antaŭvidi, ke la 9-a kongreso egalos siajn antaŭulojn pro la intereso de sia programo, kaj pro la ordema aranĝo de siaj servoj. Svisujo enhavas multajn eminentajn kaj bonkonatajn Esperantistojn. Ili ĉiuj jam promesas helpi la ĉefurbon por certigi al la fremduloj akcepton indan de la gastema Helvecio. Inter

aliaj nia klera kaj eminenta Akademiano S-ro RENÉ DE SAUSSURE publike anoncas, ke li nuntempe loĝas en Bern; li aldonas: „mi intencas vigle labori por la sukceso de la 9-a Universala Kongreso, kiu okazos en Bern en Aŭgusto 1913”. La loka komitato per sia prezidanto esprimis al ni, ke nia katolika fako havos ĉiun facilecon por okazigi siajn Diservojn, kunvenojn k.t.p. Mi do esperas, ke multaj gekatolikoj ĉeestos, des pli, ĉar la forveturo de Svisujo al Romo, post la kongreso, estas facila kaj ne tro multkosta. Memoru ni ke la 9-a finos je la 31 Aŭg. kaj la Internacia Esperantista Pilgrimo alvenos Romon je la 4-a Septembro.

Kongresontoj ne atendu, sed mendu tuj vian kongreskarton (4 Sm.) skribante al komitato de la 9-a Esperantista Kongreso, Bern, Svisujo.

N.B. Tria cirkulero kun plej plenaj delatoj aperos en nia Aprila No. de E. K.

## Belgaj Kongresoj.

Dum tiu ĉi somero du gravaj esperantistaj festoj okazos en Belgujo. La 11-an kaj 12-an de Majo, la dimanĉon kaj lundon de la pentekosto, okazos en Spa „la perlo de la Ardenoj”, la 5-a Belga Kongreso.

Oni scias kiamaniere la belgoj festigas. Ĉiuj ĉeestintoj al la Kongresoj de Verviers, Bruges, Charleroi kaj Gent certe volus, se eble, ankaŭ ĉeesti la Spa'an Kongreson, kiu certe prezentos al siaj gastoj du agrablajn festtagojn. La tiea grupo fondita dank' al la energiaj klopodoj de tiu admirinda propagandistino S-ro Biske tuj post la Antverpena Kongreso, estas unu el la plej gravaj belgaj grupoj. La progesema Urbestraro plene simpatias kun la Esperanta movado kaj jam promesis oficiale partopreni en la kongreso. Belaj ekskursoj al la pentrindaj ĉirkaŭaĵoj, festenoj, kaj diversaj amuzaĵoj estas jam aranĝitaj de la agema loka organiza komitato. Ne prokrastu, sed aĉetu tuj membrokarton je 1 franko. (40 Sd.) Kaj samtempe karton por loĝejo. Prezo je 2.40, 3.0 kaj 4 frankoj por la ĉambro kun matenmanĝo, la karto por la festeno kostas 3.50 fr. enkalkulante duonan botelon da vino.

La Spa'a Kongreso, kvankam nome belga kongreso, atendas multajn fremdajn vizitantojn, precipe el la proksimaj landoj: Nederlando, Germanujo, Francujo kaj Anglujo.

N.B. Ĉar la Urbo Spa estas tre katolika, ni povas tutkore instigi al ĉiuj anoj de I. K. U. E. multnombre ĉeesti. Nia Prezidanto Abato Richardson intencas (permesante Dio) fari la Diservon Dimanĉe kaj prediki esperante. Por membrokartoj kaj por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro J. Desonay, Sekretario, 3 Place Verte. Spa, Belgique.

**La Esperantista Semajno dum la Genta Ekspozicio.**

Por ĉiuj detaloj pri tiu grava Esperantista manifestado, relegu la anoncon jam presitan en la Januara No. de E. K.

La membrokarto kostas nur 1 Sm. kaj rajtigas la kongresanton eniri senpage la palacon kaj ĝardenojn de la Ekspozicio de Gento dum la tuta semajno de la 14-a ĝis la 20-a de Aŭgusto kaj ĉeesti ĉiujn kunvenojn kaj festojn. Ni ne dubos, tre multaj samideanoj, precipe vojaĝantoj al la Kongresoj de Bern kaj de Romo, trapasos Genton, allogitaj de la Internacia Ekspozico kaj de la Esperantista Semajno. La Gentaj katolikoj preparas jam apartajn kunvenojn por siaj samreligianoj. E. K.

# Godesberg apud la Rejno.

Multaj el niaj Belgaj kaj Nederlandaj Samideanoj, pro diversaj kaŭzoj, ne povas partopreni internaciajn kongresojn. Tamen ĉiu el ili ja dezirus ĝui almenaŭ iome je la internacia vivo, renkonti samideanojn el diversaj landoj, interparoli kun ili kaj senti *sperte*, ke esperanto estas rimedo per kiu ni povas venki la lingvan barilon, kiu dividas la neesperantistojn, rimedo kiu faras la tutmondan Esperantistaron „unu rondon familian".

Ekzistas rimedo, facila rimedo por kontentigi vin, karaj belgaj kaj nederlandaj amikoj.

Proksime de viaj landlimoj staras ĉarma Esperantista

kolonio t. e. urbo kie kunvenas, precipe dum la printempaj kaj someraj monatoj, gesamideanoj venintaj el multaj diversaj landoj. Plue tiu Paradizo posedas ĉiun econ por allogi vin. Godesberg, jen ĝia bela nomo, estas urbeto kiu kuŝas sur la bordoj de la nobla Rejno, precize kontraŭ la famkonataj kaj ne tro laŭdataj „Sieben Gebirge", (t.e. La sep montoj.)

Imagu ĝardenan urbon kun belaj arbplenaj aleoj anstataŭ vulgaraj stratoj. Ĉie vi vidas ĝardenojn, ĉie florojn, kaj ne ordinarajn arbustojn. La domoj estas belaj kaj artplenaj, ĉie regas bonordo kaj pureco.

Pri la loĝantoj mi devas nur memorigi al vi la tutmondan famon de la Rejnlandanoj. La gajeco, la bonhumoro kaj gastemeco, jen la ecoj de la filoj kaj de la filinoj de Rejnlando. Sed kion mi povas diri pri rejnlandanoj, kiuj samtempe estas Esperantistoj?

Mia plumo rifuzas priskribi ilin; mi nur diros al vi ĉiuj: „Venu kaj spertu"!

Veturi al Köln estas nur bagatelo por Belgo kaj Nederlandano, ĉu ne? Bone, sed de Köln, tramo kondukos vin al Godesberg je trikvarono da horo. Kompreneble vi ne forgesos averti pri via alveno la afablan organizan komitaton de la agema Godesberga Grupo.

Ne timu ĝeni ilin. Ili invitas per anoncoj en multaj esperantistaj gazetoj la samideanojn de la tuta mondo viziti sian Esperantistan kolonion. La aminda Prezidanto kaj liaj kungrupanoj estas des pli feliĉaj, ju pli ili vidas alveni are la fremdajn esperantistojn. Ne timu pri la kosto. Vi povas trovi en Godesberg loĝejon kaj loĝantejon por kontentigi ĉiujn specojn da monujoj. Skribu al la komitato de la kolonio, diru kiom vi povas pagi, kaj mi tre mirus se oni ne sukcesus trovi por vi ĉiuj tre konvenajn loĝejojn. Mi parolas sperte kaj mi laŭte deklaras, ke nenie mi loĝis pli komforte kaj pli malkare ol en Godesberg, dank' al la antaŭzorgoj de mia kara amiko S-ro Arntz, la Prezidanto de la tiea grupo.

Sed bona loĝejo en ĉarma loko, jen nur la komenco de via feliĉeco en nia Rejna kolonio. Vi tuj vin trovos en la

mezo de diverslandaj gesamideanoj. Ĉiuj havas la saman deziron kiel vi: interrilati kun samideanoj.

Godesberg prezentas al vi la plej belajn okazojn por tiaj rilatoj; vi povas ceesti la kunvenojn de la grupo, kiuj okazas en ĉarma kafejo en kiu la S-inoj kaj la F-inoj sentas sin tiel „hejme" kiel la Sinjoroj.

En Godesberg la plezurejoj estas gajaj, sed ĉiam indaj. Sed la kunvenoj ne estas la precipaj rimedoj por havi rilatojn kun samideanoj. Godesberg estas la centro el kiu oni povas fari plej belegajn ekskursojn, kaj vi ĉiam trovos gesamideanojn dezirantajn akompani vin. Nenio estas pli agrabla kaj gaja ol fari belajn ekskursojn, ĉu vaporŝipe sur la Nobla Rejno, ĉu piede aŭ veturile tra la feina, legenda Rejnlando kun simpatiaj, kunsentantaj gesamideanoj.

Veraj estas la vortoj de la poeto irlanda, „T. Moore":

„La plej belaj ĉarmoj de la naturo plibeliĝas, kiam ni ilin vidas reflektatajn en la okuloj de amikoj."

Do, geamikoj el ĉiulando, ke via estonta rendevuo estu en Godesberg! (El Belga Katoliko.)

---

# Batalhimno Esperantista.

Okaze de la Dudek-kvin-jara ekzistado de nia kara Lingvo.

Kantu, ho fratoj, laŭte kaj ĥore:
„Vivu l'Esperantismo!"
Regu nin sole, dolĉe kaj kore,
La amo . . . . ne l'egoismo!
For la malamo, diable kreata!
For la milito de tio kaŭzata!
Venu la paco, de ni dezirata
Dank' al l' Esperantismo.

Antaŭeniru, sankta afero!
Vin salutas la homoj.
Flugu, malpacoj, al la infero!
Vi fariĝos nur nomoj.

Semu la semon de mondsimpatio,
Esperantistoj el ĉiu nacio!
Ĝermos la floro je volo de Dio
En la koroj de l' homoj.

Vivu do Zamenhof! Vivu la bela
Lingvo internacia!
Brilu surtere, per lumo pli bela
Amo dolĉa kaj dia!
Jen la benaĵo de homoj ŝatata,
Jen la afero de gentoj celata,
Jen la premio de ni atendata.
PACO INTERNACIA.

John TAYLOR.

(El „Nederlanda Katoliko")

# BATALHIMNO ESPERANTISTA.

Muziko de Nederlanda Pastro.



## Reĝkonfesprenanto.

Tiu famkonata Reĝino, la plej pova el sia tempo, kiu post la konkiro de Granado restis mastrino de la tuta Hispanujo, kaj kies karabeloj trairis la marojn por kunigi al ŝia krono novan mondon, restis embarasata.

La konflikto, tamen, estus ridinda por iu el niaj nunaj politikuloj, sed ĝi grave priokupis tiun seriozan kaj memorindan virinon. La Reĝino sin trovis sen konfesprenanto, kaj postulis de la kardinalo MENDOZA ke li serĉu iun. Ĝis tiam ŝia konfesprenanto estis Pastro HERNANDO de Talavera, jeronima monaĥo; sed nomita de la Reĝino kiel Ĉefepiskopo de Granado, ne estis eble al li daŭrigi la reĝajn konfesprenadojn ne forlasante la novan eparĥion, ankoraŭ ne tuta fonditan.

Tiu anekdoto montros al ni la Reĝinon kiel konfesantinon, kaj kiel konfesprenanton Pastron Talavera.

Laŭ tre antikva kutimo, la Kastilaj Reĝoj konfesis surgenue sur apogaĵo kaj la konfesprenanto ankaŭ surgenuis apud ili; tiumaniere la Reĝoj konfesis siajn kulpojn kaj ricevis la absolvon. La unuan fojon, kiam P-ro HERNANDO iris por konfespreni la Reĝinon, li eksidis sur benkon apudan al apogaĵo. La Reĝino kredante lin distrita aŭ ne scianta pri la kutima ceremonio, diris al li:

„Vi, Pastro, apud mi, kaj ni ambaŭ devas esti surgenue."

La nova konfesprenanto respondis:

Ne, Sinjorino, mi devas resti sidanta kaj via Reĝa Moŝto surgenue; tio ĉi estas la Dia Tribunalo, kaj tie ĉi via Reĝa Moŝto estas pekulino, kiu konfesas siajn kulpojn, kaj mi estas la Dia reprezentanto, kiu ilin juĝos kaj pardonos.

La Reĝino humile obeis kaj diris poste al la Markizino de MOJA:

„Tiu estas la konfesprenanto, kiun mi serĉis."

Hispane verkita de Pro Coloma. Esperanten tradukis:
Manuel MILLAS SAGRERAS.
Valencio (Hispanujo).

## Bohemaj proverboj.

Al diablo li servis, diablo lin prenis.
De peko ekvido, por diablo rido.
Faru bone al diablo, li rekompencos vin per infero!
Diablo neniam dormas.
El fiero spiras infero.
Propra spirito al ĉiu estas paradizo aŭ infero.
Mallaŭtaĵoj — diablaĵoj. (La senco: Kio estas malbona, tion oni diras nur mallaŭte).
Kien diablo ne povas, tien li enpuŝas maljunulinaĉon.
Virto kaj beleco taŭgas unu por alia, sed ili malofte kunestas.
Virto loĝas malofte kun feliĉo en la sama gastejo.
Ĉiu bonulo povas esti pli bona.
Bele mensogi estas ankaŭ peko.
Ne estas sanktulo ĉiu preĝejonirulo.
Kiu havas malbonan konsciencon, tiu havas serpenton sur buŝo.
Kia paroĥestro, tia paroĥo·
En malriĉa paroĥo, sinjoro paroĥestro mem sonorigas.
Por limako plej bone en konko, por pastro en paroĥo.
Kiu post plugilo malbenas, malbonan semon semas.
Pli bone kantadi, ol malbenadi.
Almozo ne malriĉigas.

El Bohema lingvo tradukis D-ro ANTONIN.